22a Jaro - No 5 (231) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Majo 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de



REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Por adresoj kaj informoj vidu la lastan paĝon.

ANTAŬ ELEKTADOJ

## Ni Esperantistoj elektu La Louvière !

Pasintan monaton, Kara Leganto, ni babilis kun vi pri la elektadoj por la leĝdonaj Ĉambroj.

Ni informis vin pri tio, ke Belga Ligo Esperantista komencis grandan propagandon en la rangoj de la senatanoj kaj deputitoj.

Parole kaj skribe min atingis pensesprimoj plendubaj, rilate al la rezultato de tiu nia klopodo.

La homo ĉiam dubas. Belgo estas homo, kiel ĉiuj aliaj : li dubas.

Mi ne malkaŝos al vi, ke mi ankaŭ dubis : mi kompreneble volas esti homo... Mi tuj aldonas: Mi malpravis... Ili, kiuj skribis al mi, malpravis... Kaj vi, kiuj ne skribis, sed kiuj verŝajne samopiniis, malpravis ankaŭ.

La senatanoj kaj deputitoj respondis al nia alvoko. Ni kompreneble ne ĝeneraligu : iu procento respondis. Vi trovos iliajn respondojn en sekvanta paĝo.

Sed en tiu ĉi ĉefartikolo, mi volas memorigi al vi, ke nome de vi ĉiuj, mi, en tiu ĉi sama loko, kaj via estraro, per la subskriboj de siaj prezidanto kaj ĝenerala sekretario en privata letero solene promesis ke la Esperantistoj donos preferan voĉesprimon al tiuj, kiuj promesos al ni sian subtenon.

Vi ne mensogigu, nek vian prezidanton, nek la direktoron de via organo.

Vi voĉdonu kun Esperantista konscienco por la kandidatoj Esperantemaj.

Sed, en tiu periodo, kiu iras de la 24-a de Majo (leĝdonaj elektadoj) ĝis la 7-a de Junio (provincaj elektadoj), vi ne nur devos elekti pri viaj reprezentontoj en la oficialaj korpusoj. Vi ankaŭ devos decidi pri via partopreno al la nacia Belga Kongreso, kiu okazos ĝuste inter tiuj du elekto-tagoj.

Tie ankaŭ, vi elektu kun via Esperantista konscienco. Sed mi petas vin, ne atendu ĝis la lasta momento.

Jam 152 bonaj amikoj montris al vi la vojon, tiun simplan rektan vojon, kiu kondukos vin al la celo : pasigi tri tagojn en vera intima Esperanta atmosfero; revidi amikajn vizaĝojn; premi samideanajn manojn; viziti kune natur- kaj artfaritajn vidindaĵojn...

Kaj kiam mi parolas al vi tiel... mi povas jam atentigi vin pri tio, ke kiel decas al redaktoro de jurnalo tiel fama, kiel « Belga Esperantisto », mi jam iris, antaŭ kelkaj tagoj, en la diversajn lokojn, kiujn ni vizitos kune post unu monato.

Kaj se iuj eble hezitus, ĉar La Louvière estas tutnova urbeto, sen historiaj monumentoj, sen artplenaj loketoj, kiel Bruĝo, mi tuj respondos al ili, ke se en La Louvière, la ĝuo, kiun la kongresanoj havos tiun ĉi jaron, estos tute alia, tio ne signifas ke ĝi estos malpli granda.

El mia rondvojaĝo, mi kunportis kelkajn fotografajn dokumentojn, kiujn mi aperigos en la nuna kaj sekvonta numeroj : Vidinda tre certe, estas la bela parko de Mariemont, kun la muzeo, en kiu ni trovos unu el la plej riĉaj kolektoj de antikvajoj, kiujn oni povas imagi al si. Vidinda tre certe ankaŭ estas, la unika komplekso de la ŝiplevigiloj de la Centra Kanalo ; vidinda ankaŭ la urbeto Binche, kies historio glora kaj ofte malgaja respeguliĝas en siaj malnovaj remparoj.

Kaj revidindaj estas ni ĉiuj, kiuj tiel bone amuzis nin kune, pasintan jaron en Bruĝo, ke vere jam longa ŝajnis la tempo, kiu nin disigis.

Antaŭen do : la ne jam aliĝintoj aliĝu ; la aliĝintoj sendu sian mendilon ; la mendintoj atendu pace kun la dolĉa trankvileco pri la farita devo la horon, kiu baldaŭ venos : tiu de la foriro al la kongreso.

Maur. JAUMOTTE.

---

**ĈU VI JAM ALIĜIS ?** Ne ? Faru do !

**ĈU VI JAM MENDIS ?** Ne ? Faru do !
Jes ? Dankon !

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Atentu !

La numero de Junio aperos la 25-an de Majo kaj ĉiuj do ricevos ĝin antaŭ la kongreso. Tiu numero enhavos diversajn oficialajn informojn pri la Kongreso de La Louvière kaj artikolojn pri vidindaĵoj kiujn ni vizitos.

Estos vera KONGRESNUMERO !

La sekretarioj de la grupoj helpu nin havigante al ni la tagordojn kaj tre mallongajn raportojn plej laste la 12-an de Majo.

---



Jen, laŭalfabete, la nomoj de ĉiuj deputitoj kaj senatanoj, kiuj estas favoraj al la ideo pri « Esperanto », kiel internacia helplingvo.

La (°) indikas tiujn, kiuj ne tute konsentas promesi firman voĉdonon de leĝpropono, ĝis tiam, kiam ili konos la tekston.

La foresto de asterisko do indikas kandidaton, kiu senrezerve akceptas voĉdoni por leĝpropono, kiu enkondukas la instruadon de Esperanto en la lernejojn.

La (°°) indikas personon, kiu deziras, ke lia nomo ne estu uzata en nia propagando, sed kiu « *en kaj ekster la parlamento faros ĉion kio povos helpi nian celon* ».

**Senatano Bernaerts, E. (Antverpeno) ; (°)**
**Deputito Bouilly, J. (Mons) ;**
**Deputito Butaye, (Yper) ;**
**Senatano Clesse, (Luxembourg) ;**
**Senatano Diriken, P. (Tongeren) ; (°°)**
**Deputito Geûens, Maurice (Bruĝo) ;**
**Deputito Glineur, (Charleroi) ;**
**Deputito Goffaux,(Arlon-Marche-Bastogne)(°)**
**Senatano Hebbelinckx, A. (St. Niklaas-Dendermonde) ;**
**Deputito Henon, D. (Dinant-Philippeville) ;**
**Deputito Hoyaux, Gaston (Soignies) ;**
**Deputito Jennissen, Emile, (Lieĝo) ;**
**Deputito de Kerchove d'Exaerde, R. (Antv.)(°)**
**Senatano Lafontaine, Henri (Brabant) ;**
**Senatano Matagne, Léon (Charleroi) ;**
**Deputito Michaux, Georges (Charleroi) ; (°)**
**Deputito Missiaen, Edg. (Yper) ;**
**Senatano Ohn, Léonard (Verviers) ;**
**Senatano Sasserath, Léon (Dinant) ; (°)**
**Deputito Van Opdenbosch, Leon (Aalst) ;**
**Senatano Volckaert, Vincent (Soignies) ;**
**Deputito Winandy, S. (Verviers).**

Krom tio, la Liberala Asocio de Bruselo skribis, nome de ĉiuj siaj kandidatoj, ke ili kun intereso studos proponon por — Esperantan.

## XXVa Belga Kongreso de Esperanto

### La Louvière 30-31a Majo- 1a Junio 1936

Sub la Honora Prezidanteco de S-ro VICTOR GHISLAIN, urbestro de la Louvière, kaj la Patroneco de la « Komerca kaj Industria Ĉambro de la Centra Regiono

*9-a INFORMBULTENO.*

1) Nia listo plilongiĝas... ni estas 125 kaj ni petas niajn amikojn ne plu prokrasti la sendon de iliaj aliĝiloj. Kiel dirite en la lasta bulteno, aliĝo pli malfrua malfaciligas la aranĝojn.

2) Nia faldfolio, kiu enhavas la aliĝilon por la kongreso estis sendita al ĉiuj, kiuj petis ĝin, sed, kiel pri nia glumarko, restas ankoraŭ multaj faldfolioj kaj ni estos tre feliĉaj, sendi ilin al vi...

**Naŭa Listo :**

| | |
|---|---|
| 112. — S-ro Georges Daems | La Louvière |
| 113. — S-ro Vajda | Roubaix (Fr.) |
| 114. — S-ino Vajda | — |
| 115. — S-ro E. Pomérol | Boulogne (Fr.) |
| 116. — S-ro Jack Centnersver | Valenciennes (Fr.) |
| 117. — S-ro Michel Alglave | Blanc-Misseron (Fr.) |
| 118. — F-ino Laura Verecken | Aalst |
| 119. — René Curnelle | Marcq-en-Bareuil (Fr.) |
| 120. — S-ino Léon Braet | Nieuwpoort |
| 121. — S-ro Léon Braet | — |
| 122. — S-ro Karlo Braet | — |
| 123. — S-ro Delphant Mathieu | La Louvière |
| 124. — F-ino Jeanne Loquet | Antverpeno |
| 125. — S-ino Elworthy-Posenaer | Antverpeno (St Mariaburg). |

*La Loka Kongresa Komitato.*

**P. S. — La 26-an ni jam estas 152 ! !**

---

## Du bonaj propagandaj vizitoj

Reĝa Belga Ligo Esperantista organizis preskaŭ samtempe, du vere interesajn rondvojaĝojn en nia lando.

Unue ĝi invitis S-ron Ravestein, Nederlandan Samideanon, viziti niajn grupojn kaj montri tre interesajn filmojn pri la Esperanto-kongresoj de Stockholmo kaj Romo.

En Bruselo, la estraro de Belga Ligo sukcesis akiri la subtenon de S-ino Morris, la tiel sindonema kaj tiel helppreta edzino de la Ambasadoro de la Unuiĝintaj ŝtatoj de Nord-Ameriko kiu permesis la montradon de la filmoj en la Ambasadorejo mem, al kelkaj altrangaj kaj tre konataj geinvititoj de la Ambasador-edzino, dum intima « teo ».

S-ino Morris individue invitis S-rojn Kempeneers, prezidanto kaj Jaumotte, kasisto de « Belga Ligo », F-inon Jennen, prezidantino kaj Bas, komitatano de « Brusela Grupo » klarigi dum intima kunveneto, la celon de nia lingvo al grupeto da interesitoj, inter kiuj estis Princino Marie de Croy, S-ino Louis Solvay, Baronino Emmanuel Janssen, la ministro de Irako, F-ino de Jenevois, Miss



La ŝiplevigilo de Houdeng-Goegnies, pri kiu ni, en la sekvanta numero, publikigos interesan artikolon

Uytendale Caner, Miss Nancy Cochrane, Miss Mary Eddison, Miss Cympthia Forbes, Miss Alida Goodwin, Miss Carol Grosvenor, Miss Katharine Newbold, Miss Margaret Parker, Miss Barbara Putman, Miss Peggy Rives, Miss Rosalean Rothermel, F-ino Nerincx kaj Mrs. Mac Gregor.

Post kiam niaj amikoj estis, en privata konversacio, klarigintaj la karakterizojn de nia lingvo al la geĉeestintoj, S-ino Morris mem, simple starante apud la kameno, tradukis, frazon post frazo, la malgrandan enkondukan paroladeton de S-ro Ravestein, kiu klarigis kiel, dank'al la progreso de la tekniko, kiu alportis al ni la tiel nomitan mallarĝan amatoran filmon, kiu mezuras 16 milimetrojn kaj ne estas flamigebla, li nun kapablas realigi tiun belan memorigaĵon.

Li memorigis pri la fakto, ke jam en 1932 li filmis la kongreson. De tiam li ĉiujare faris filmon.

Kaj la du lastajn, la Esperantistoj en Belgujo nun konas. Kun S-ro Ravestein, ili faris vojaĝon ŝipe al Stockholmo, kunvivis la kongreson kaj iris poste ĝis tute norde... preskaŭ al la Poluso !

En la alia filmo, ili vidis la tutan Italujon kaj ĝis la norda Afriko kunvojaĝis kun la feliĉaj kongresintoj.

En la tri vizititaj urboj Bruselo, Antverpeno kaj Bruĝo, la sukceso de S-ro Ravestein estis same granda.

Dankon ni ŝuldas al la firmo SIEMENS, kiu afable pruntedonis aparaton por la montro de la filmoj.

***

Kelkajn tagojn poste, la grupoj de Antverpeno, Bruselo, Bruĝo kaj Gento havis la okazon en pli intima, nure Esperantista rondo, akcepti unu el la plej belaj figuroj de la Esperanta literaturo.

Rakonti la paroladon de S-ro Baghy ne estas eble.

La celo de lia vojaĝo, kiun li faras je l'invito de la Esperanto-verkistoj, estas fari propagandon por la Esperanto-literaturo.

Tiun ĉi celon li plene atingis. Li efektive alportis la vivantan literaturon, ne en sia valizo, sed en sia korpo, en sia cerbo, en sia koro.

Sinsekve ĉiuj interesiĝis, ridis kaj suferis, je l'aŭdado de ĉio, kion Baghy travivis kaj vigle, vive rerakontis.

Sed malgraŭ la malagrablaĵoj, la vivo devas triumfi kaj tiel ankaŭ,en tiuj neforgeseblaj vesperoj triumfis la rido.

La belga Esperantistaro ŝuldas dankon al la bonega propagandisto, kiu, pli bone ol iu iam povis imagi, montris, ke Esperanto estas vere vivanta lingvo.

# Tra la Mondo.

**L'Esperanto et la presse belge.**

Suivant en cela l'exemple de feuilles étrangères, la « Gazet van Antwerpen », « Het Belang van Limburg », « De Bilzènaar », « De Volksstem », « De Morgenpost » publient des chroniques esperantistes. Depuis quelques mois, cela est aussi le cas pour le journal anversois « Le Matin ».

D'autre part « L'Indépendance belge » et « De Nieuwe Gazet » publient séparément et en vedette, dans leurs programmes radiophoniques les émissions en ou ayant trait à l'Esperanto.

**L'Esperanto et la presse néerlandaise.**

Plusieurs journaux néerlandais publient déjà des rubriques esperantistes. Tel était le cas pour « Wij », « Rusland van Heden », « De Nieuwe Fakkel », « De Fabriekarbeider », « De Goede Tempelier », « De Arbeider », « De Blauwe Jeugd », etc. Deux autres feuilles sont venues se joindre à cette série, notamment : « Onze Courant » et « De Jonge Wacht ».

**L'Esperanto en France.**

A diverses reprises déjà des conseils communaux ou municipaux prirent des décisions favorables à l'Esperanto et à l'introduction de la langue internationale dans les écoles. Le mois dernier cela fut le cas dans 18 conseils.

Trois délégués des Esperantistes français se sont rendus chez les ministres Guernut et Jullien, pour leur demander d'introduire l'Esperanto dans les programmes scolaires. Les deux ministres ont promis un examen attentif et soigné du problème.

**Rue Zamenhof.**

Pour la tantième fois, nous enregistrons une décision, donnant un nom esperantiste à une rue. Le conseil communal de Banyuls-sur-Mer vient de donner le nom de « Rue Zamenhof », à une des artères de la commune.

**L'Esperanto en Espagne.**

En Espagne, il est sévèrement défendu de coller sur les enveloppes des timbres de propagande ou de réclame.

Le gouvernement vient d'autoriser l'emploi de timbres de propagande esperantistes.

**L'Esperanto dans la pratique.**

— A l'occasion de leur congrès national, les naturistes argentins décidèrent d'employer à l'avenir officiellement l'Esperanto pour les relations avec les associations étrangères.

— La «Banque Hongaro-Italienne» emploie l'Esperanto pour la correspondance et le service de son organisme.

— Le Comité pour le Vocabulaire Technique de la Lumière a décidé à l'unanimité, en sa séance du 3 mars de donner une place à l'Esperanto dans ce dictionnaire. Celui-ci est presque entièrement prêt et devra encore paraître avant les vacances d'été.

**Quelques opinions au sujet de l'Esperanto.**

— Il y a des années déjà, le grand philosophe-auteur Tolstoï disait : « que le mal qu'on se donne pour étudier l'Esperanto est tellement minime et le résultat qu'on obtient tellement précieux, que jamais quelqu'un ne regrettera son étude.»

— L'industriel bien connu Diesel, fabricant des célèbres moteurs Diesel, prétendait dans une interview récente, que « l'Esperanto est un puissant facteur de paix et de culture ».

— Mr C. Huysmans, bourgmestre d'Anvers, déclarait d'autre part en une interview, que notre mouvement est trop contrecarré par de forts préjugés. Mais il ajoutait :

« Je ne dois pas répéter, que je considère la soi-disante « langue artificielle » comme un puissant levier pour une haute civilisation internationale ».

**Esperanto en de Belgische pers.**

Het voorbeeld volgend van vreemde bladen, kondigen « Gazet van Antwerpen », « Het Belang van Limburg » : « De Bilzenaar », « De Volksstem », « De Morgenpost », regelmatig een Esperanto-kronijk af. Zoo doet ook, sedert enkele maanden, het Antwerpsche blad « Le Matin ».

De « Indépendance Belge » en « De Nieuwe Gazet », geven afzonderlijk aan het hoofd van hun radio-programma's de uitzendingen op, in of omtrent Esperanto.

**Esperanto en de Nederlandsche pers.**

Verschillende Nederlandsche bladen hebben reeds een Esperanto-rubriek ingericht : « Wij », « Rusland van Heden », « De Nieuwe Fakkel », « De Fabriekarbeider », « De Goede Tempelier », « De Arbeider », « De Blauwe Jeugd », enz. Nu volgen weer twee andere bladen : « Onze Courant » en « De Jonge Wacht ».

**Esperanto in Frankrijk.**

Reeds dikwijls brachten gemeentelijke en stedelijke raden gunstige beslissingen betreffende Esperanto en het invoeren ervan in de scholen. Verleden maand was zulks weer het geval met 18 raden.

Drie afgevaardigden van de Fransche Esperantisten boden zich aan bij de ministers Guernut en Jullien, om het inlasschen te bespreken van Esperanto in de schoolprogramma's. De twee ministers beloofden het vraagstuk zorgvuldig en aandachtig in te studeeren.

**Zamenhof-straat.**

Voor de zooveelste maal, kunnen we het nieuws melden van het toekennen van een Esperanto-naam aan een straat. De gemeenteraad van Banyuls-sur-Mer gaf aan een der straten van de gemeente, den naam van « Rue Zamenhof ».

**Esperanto in Spanje.**

In Spanje is het streng verboden op briefomslagen, welke propaganda- of reklaamzegels ook te plakken.

Van nu af staat de regeering het gebruik toe van Esperanto-propagandazegels.

**Esperanto in de praktijk.**

— Ter gelegenheid van hun nationaal congres hebben de Argentijnsche naturisten besloten, in de toekomst, officieel Esperanto te gebruiken, voor hun betrekkingen met de vreemde vereenigingen.

— De « Hongaarsch-Italiaansche Bank » gebruikt nu Esperanto voor de briefwisseling en den dienst in haar organisme.

— Het Comiteit voor den Technischen Woordenschat betreffende het Licht heeft, in zijn zitting van 3 Maart, met eenparigheid van stemmen, besloten een plaats in het woordenboek te verleenen aan Esperanto. Dit woordenboek, dat bijna volledig klaar is, zal nog vóór het Zomerverlof moeten verschijnen.

**Eenige meeningen aangaande Esperanto.**

— Vóór jaren reeds zegde de groote Russische filozoofschrijver Tolstoï, dat de moeite om Esperanto te leeren zoo klein is en de uitslagen daarbij zoo waardevol, dat niemand ooit de gedane studie zal betreuren.

— De vermaarde nijveraar Diesel, fabrikant van de gekende Dieselmotoren, beweerde in een interview, dat «Esperanto een groote vredes- en cultuur-factor is ».

— De heer C. Huysmans, burgemeester van Antwerpen, zegde in een interview, dat onze beweging al te zeer belemmerd wordt door vooroordeel. Maar hij voegde erbij :

« Ik moet u niet herhalen, dat ik de zoogenaamde kunstmatige taal beschouw, als een machtig middel voor een hoogere internationale beschaving. »

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

La 2-an de Majo : Vivanta jurnalo : ĉefartikolo de la prezidanto kaj artikoloj kaj antaŭlegaĵoj de diversaj komitatanoj; humoraĵoj kaj vortludoj de la tuta membraro.

La 9-an : parolado de S-ro Van Dyck.

La 16-an : koncerto (reaŭdigo de la koncerto de la monato de Marto, kun la kunlaboro de diversaj bonaj « solistoj ».

La 23-an : lastaj preparoj kaj sciigoj pri la kongreso de La Louvière.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista. Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

Kunvenoj dum Majo : la 5-an, 12-an, 19-an kaj 26-an, sen speciala programo ; ĉiuj estos dediĉataj al prov-ludado, — kantado, prepare al la Kongreso de La Louvière.

Krom indikotaj esceptoj ĉiuj kunvenoj okazos en la Sidejo.

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo : «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Lundon, la 4-an de Majo : S-inoj Staes parolos pri «Baghy».

La 11-an : S-ro Hart organizos debaton pri Ĉeĥ-kursoj.

La 18-an : S-ro Castel organizos literaturan debaton.

La 25-an : F-ino Kerkhofs pritraktos la Belgan Krestomation.

GENTO. — **Genta Grupo « Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

Dum Majo okazos regule : la nova kaj la mezgrada kursoj. La perfektiga kurso estas agrabligita de paroladetoj kaj de diversaj ekzercoj kaj kantlecionoj.

LA LOUVIÈRE. — **« Verda Stelo »,** Esperantista grupo de la Centra Regiono.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.**

Grupaj perfektigaj kunvenoj :

en LIEĜO, Hôtel du Phare, Place Maréchal Foch, ĵaŭdon 14-an de majo, je 20-a horo ;

en SCLESSIN, Kafejo L. Dechesne, rue Ernest Solvaj, 1, ĵaŭdojn 7-an kaj 28-an de majo je 19 h. 30.

## Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Post la intima kunsido de la mezfasta sabato, okazis, dimanĉe, festo por la infanoj. Dank'al la kunlaboro de bonega akordeonisto kiu dancigis... la gepatrojn, same bone aŭ eĉ multe pli, ol la infanoj, la festo iĝis bonega por la plenkreskuloj kiel por la infanoj.

La 20-an okazis, en la prelegsalonego de la Industria Lernejo, Paardenmarkt, la parolado de S-ro Ravestein, pri kiu oni parolas aparte en tiu ĉi kajero.

La Prezidanto de Belga Ligo kaj S-ino Kempeneers alkondukis la paroladiston kaj S-ro Jaumotte bonvenigis kaj dankis S-ron Ravestein en plej koraj kaj sinceraj vortoj.

Kiel prezidanto de la organizinta grupo, li salutis kelkajn ne-Esperantistojn kaj ankaŭ aron da membroj de diversaj aliaj Esp.-grupoj de la urbo.

La 28-an okazis diplomdisdono al la lernintoj de S-ro Van Dijck. Du lernantoj sin prezentis al la ekzameno kaj akiris : la plej grandan meriton : F-ino Madeleine Van der Vorst kaj la grandan meriton : S-ro Alb. Adriaens, Krome sin prezentis antaŭ la juĝantaron la du filinetoj de S-ro Van Dijck : Hilda kaj Maria, kiuj akiris ambaŭ la plej grandan meriton. La lasta dankis kore la estraron de « La Verda Stelo », dum la unua belege deklamis longan versaĵan alegorion.

S-ro Jaumotte diris la kutimajn laŭdvortojn kaj speciale gratulis la du plej junajn diplomitinojn.

Poste S-ro Boffejon paroladis pri « Henry Ford ».

La 4-an de Aprilo : Baghy-vespero. Parolado pri nia lingvo, kiu ĉerpas sian vivon el la plej profundaj fontoj de la natura lingvaro ; poste deklamado de poezioj kaj rakontado de anekdotoj, tipigo de konataj Esperantistoj kaj, fine, parolado pri sinsekve indikataj vortoj.

S-ro Jaumotte kiu prezentis kaj dankis S-ron Baghy neniam tiel prave povis diri, ke la forrestintoj malpravis.

BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — Post leciono por progresantoj gvidata de F-ino Thooris, okazis la 17-an de Marto, parolado de F-ino M. Vanden Berghe, pri « Timo ». Kvardek unu ĉeestantoj aplaŭdis la parolantinon, kiu estis varme dankita kaj gratulita de S-ro Poupeye, deĵoranta kunvenprezidanto.

La 24-an, je la 6 1/2-a, okazis en salonego De Buck, placo Sta Johano, la parolado de S-ro Ravestein el Hago. Tiu publika parolado estis organizita en kunlaboro kun « Cercle Colonial et Maritime » kaj estis multnombre ĉeestata de grupanoj kaj de ne-esperantistoj. La interesplenaj filmoj, kun taŭgaj klarigoj de la parolanto, plaĉis al ĉiuj kaj okazigis bonan propagandon por nia movado. Inter la ĉeestantoj, oni vidis Ges-rojn Kempeneers kaj S-ron Swinne el Bruselo. Poste, je la 9-a, 36 gesamideanoj kunvenis en Kafejo Vlissinghe, kie ili agrable finigis la vesperon.

La 31-an, post leciono por progresantoj de F-ino Thooris, 36 ĉeestantoj kartludis per « Lexicon » kaj « Kan-U-Go », sub direktado de S-ro Groothaert.

La 7-an de Aprilo la grupo ricevis, en la Sidejo, la viziton de S-ro Julio Baghy. Kvardeko da grupanoj ĉeestis kaj kelkaj malhelpatoj vere multe perdis. F-ino Thooris mallonge faris la prezentadon. La magiaj paroloj de nia granda poeto tuj kaptis ĉies atenton, kaj ĉiuj avidege aŭskultis. Dum la paŭzo, multaj el la montritaj libroj estis vendataj kaj la grupo mem akiris por sia biblioteko kelkajn librajn trezorojn. S-ro Baghy dediĉe subskribis siajn verkojn kaj ankaŭ la grupan Oran Libron. Post tio, li finis tiun neforgeseblan vesperon, majstre deklamante kelkajn el siaj poemoj kaj farante rakontojn. Krom lia altnivela poeta talento, S-ro Baghy posedas ankaŭ la arton de perfekta mimikisto. La Bruĝanoj dankis S-ron Baghy per varmaj kaj senfinaj aplaŭdoj pro la vera arta ĝuo, kiun li alportis.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Dum Aprilo la diversaj kunvenoj okazis regule kiel anoncite. La nov- kaj mezgrada kursoj kontentige progresadas. La perfektiga kurso pli kaj pli interesas la ĉeestantojn dank'al la diversaj paroladetoj kaj al la lernigaj ekzercoj, kiujn S-ino De Ryck lerte

preparas.

Sed, la plej grava okazintaĵo de la monato estas certe la vizito de S-ro Baghy, la famkonata poeto el Budapest, kiu faris ege interesan paroladon pri literaturo kaj pri diversaj esperantaj okazintaĵoj. Li multe amuzis sian multnombran ĉeestantaron kaj pasigis al ĝi tre agrablan vesperon.

La 16-an okazis Ĝenerala Kunveno ĉe S-ino De Ryck, kiu priparolis la morton de D-ro Zamenhof.

√ LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — La elementa kurso de S. L. P. E. finiĝis kun 7 lernantoj, kiuj faris en marto la ekzamenon pri simpla kapableco, kies rezultato estas jena: Akiris la ateston kun la plej granda merito: S-ro Piedbœuf Jean; kun granda merito: F-inoj Leroy, Jeanne kaj Wagemans Marcelle, S-roj Pirotte Jean kaj Lemaire Albert; kun merito: S-roj Van Poeteren Charles kaj Wilmet Auguste.

La diplomdisdono jus okazis en la sidejo de la societo kun la kutimaj gratul- kaj propagandparoladoj.

Tiu ceremonieto estis profite sekvata de la perfektiga grupa kunveno, kiu havis la ordinaran belan sukceson.

## Familia Kroniko.

### GRATULOJ.

— Al G-roj J. Van Boeckel-Van Walle, gemembroj de « La Verda Stelo » (Antverpeno) pro naskiĝo de fileto WILLY (13-4-36).

— Al F-ino Corry Leibbrand, membrino de la Bruĝa Grupo kiu sukcese ekzameniĝis antaŭ Reĝa Belga Federacio de Savado en St-Josse-ten-Noode, kaj akiris la diplomon pri « supera savado ».

— Al S-ro Florentin Langouche, membro de la Bruĝa Grupo, kiu akiris la gradon de subleŭtenanto ĉe la 13-a Artileria Regimento (31-3-36).

— Al F-ino Suzanne Guiot, el Gento, kaj S-ro Albert Boedt membro de la Bruĝa Grupo, kiuj fianĉiĝis. (31-3-36).

### KONDOLENCOJ.

— Al la familio Algrain (Bruĝa Grupo) pro la morto de S-ino Vidvino Alfred Algrain. (12-3-36).

— Al S-ro Ch. Martiny, (Lieĝa Grupo) pro la morto de lia patro S-ro Joseph Martiny (7-4-36).

# La Gazetaro parolas...

## Redaktas : H. A. R. S.

**Esperanto en la Belga gazetaro.**

Imitante la ekzemplon de alilandaj gazetoj, la belgaj « Gazet van Antwerpen », « Het Belang van Limburg », « De Bilzenaar », « De Volksstem », « De Morgenpost » publikigas regulan esperanto-kronikon. Same faras, de antaŭ kelkaj monatoj, antverpena ĵurnalo « Le Matin ».

La jurnaloj « Indépendance Belge » kaj « De Nieuwe Gazet » aparte ĉe l'komenco de siaj radio-programoj citas la disaŭdigojn en aŭ pri Esperanto.

**Esperanto en la Nederlanda Gazetaro.**

Diversaj nederlandaj naciilingvaj gazetoj havis jam regulan esp-o-rubrikon i. a. « Wij », « Rusland van Heden », « De Nieuwe Fakkel », « De Fabrieksarbeider », « De Goede Tempelier », « De Arbeider », « De Blauwe Jeugd » k. t. p. Nun sekvas ankaŭ du aliaj gazetoj : « Onze Courant kaj « De Jonge Wacht ».

**Esperanto en Francujo.**

Jam ofte, komunumaj aŭ urbaj konsilantaroj voĉdonis favore al Esperanto kaj ĝia enkonduko en la lernejojn. Tion faris denove, la pasintan monaton, dek ok konsilantaroj !

Tri delegitoj de la Franca Esperantistaro sin prezentis ĉe la ministroj Guernut kaj Jullien, por priparoli la aldonon de Esperanto al la lernejprogramoj. La du ministroj promesis zorge kaj atente pristudi la problemon.

**Strato Zamenhof.**

Por la tioma fojo ni povas raporti pri iu esperantnoma strato ; la komuna konsilantaro de Banyuls-sur-Mer donis, al iu strato, la nomon « Rue Zamenhof ».

**Esperanto kaj la Foiroj.**

Kiel dum la antaŭaj jaroj, ankaŭ ĉi-jare la diversaj foiroj uzis Esperanton.

La Foiro de Lyon eldonis :

1) Novan afiŝon kun esp. teksto ; ĝi estas kvinkolora kaj mezuras 60 x 10 cm.

2) Novan prospekton en esperanto. Ĝi estas sespaĝa, dukolora kaj ilustrita per desegnaĵoj.

3) Belan kvardekpaĝan broŝuron. La Lyon'a Foiro sendos senpage tiujn presaĵojn, kune kun kelkaj sorbpaperoj kaj ilustritaj poŝikartoj.

Okaze de la estonta Foiro de Parizo (16 majo-2 junio) eldoniĝis afiŝo kaj belega broŝuro «Franclando dum Printempo».

**Esperanto en Hispanujo.**

En Hispanujo estas severe malpermesite glui sur leterkovertoj iujn ajn propagandilojn aŭ reklamilojn.

De nun la registaro permesis la uzon de poresperantaj glumarkoj.

**Esperanto en la praktiko.**

— La Internacia Kongreso por Renovigo de l'Edukado kaj Instruado (en Nederlando) uzis Esperanton, samoficiale kiel la aliajn kongreslingvojn.

— Okaze de sia nacia kongreso, la argentinaj naturistoj decidis estonte oficiale uzi Esperanton por la interrilatoj kun fremdaj asocioj.

— « Hungara Itala Banko » enkondukis la esperanto-korespondon kaj servon en sian organismon.

— La Industria kaj Komerca Ĉambro de Bukaresto ĵus aperigis 150-paĝan Adreslibron de la komercaj reprezentantoj en Bukaresto kun kompleta varolisto en rumana, franca, germana, angla kaj esperanta lingvoj. Ankaŭ la plurlingva antaŭparolo estas presita en Esperanto.

— La Komitato por la teknika vortaro pri la lumigado decidis dum sia kunsido la 3-an de marto unuanime akcepti en tiun vortaron ankaŭ Esperanton. La vortaro estas preskaŭ tute jam pretigita. Ĝi devas aperi presite ankoraŭ antaŭ la someraj ferioj.

**Opinioj pri Esperanto.**

— Antaŭ multaj jaroj jam, la granda rusa filozofo-verkisto Leo Tolstoï diris ke la penoj por lerni Esperanton estas tiel malgrandaj kaj la rezultoj samtempe tiel valoraj, ke oni neniam pentos pro la studoj faritaj.

— Eugeni D'Ors, fama kataluna verkisto skribis antaŭ nelonge en unu el siaj artikoloj :

... Klopodi ke Esperanto « bone sukcesu » jam estas, eble, ĝenerala homa devo..... ĉiuj, kiuj pro manko de fido aŭ pro manko de agoj estus malhelpintaj la triumfon de Esperanto tiuj devus senti la pezon de granda respondeco, granda konsciencriproĉo.

— La granda industriistro Diesel, fabrikanto de la famaj Diesel-motoroj asertis en intervjuo ke « Esperanto estas granda pac- kaj kulturfaktoro ».

— S-ro C. Huysmans, urbestro de Antverpeno diris, en intervjuo ankaŭ ke nia movado estis tre haltigata pro multaj antaŭjuĝoj, sed, li aldonis :

« Mi ne devas ripeti, ke mi konsideras la t. n. artefaritan lingvon kiel efikan ilon por supera internacia civilizado.

## Esperanto facila

**Esperanto, dolĉa lingvo.**

PETOL (*afekte*). Kara Fraŭlino Am! Kia plezuro vin renkonti!

F-ino AM (*ĉarme ridete*). Mi jus iris al la laŭntenisejo. Sed ĉu vi ne venos hodiaŭ?

PETOL (*lipgrimace*). Mi vere bedaŭras. Mi devas atendi ĉe la stacidomo anglan sinjorinon.

F-ino AM (*komike mire*). Anglan Sinjorinon?...

PETOL (*klarige*). Nu sciu, mi estas Esperantisto kaj mia tasko estas konduki la fremdulinojn tra la urbo.

F-ino AM (*grandokule*). Mi ne komprenas...

PETOL (*senkulpige*). Ho, estas tedajo, sed ĉiu havas sian taskon kaj la mia ne estas la plej malagrabla...

F-ino AM (*sincere*). Sed vere, mi ne komprenas...

PETOL (*espere*) Aŭskultu, Esperanto estas lingvo...

F-ino AM (*interrompe*). Kie oni ĝin parolas?

PETOL (*advokate*). Nenie, krom de tempo al tempo en nia monduma societo « La ora Estonteco,» kiu cetere organizas brilajn balojn. Ĉu vi ne volas aniĝi? Vi farus al mi personan plezuron.

F-ino AM (*hezite*). Sed ĉu mi ja devas lerni tiun lingvon?

PETOL (*trankvilige*). Ho ne daŭras longe; tre facila; nur dek kvin lecionoj.

F-ino AM (*kokete*). Sed tiel sola... se iu amikino...

PETOL (*aplombe*). Ne gravas. Mi resekvos la kurson. Mi renkontos vin postmorgaŭ je la 7-a ĉe la granda horloĝo.

F-ino AM (*decide*). Mi konsentas. Vere, **edzperanto** ŝajnas al mi tre agrabla.

TYN.





## Anoncetoj

TURNU VIN AL SAMIDEANAJ FIRMOJ:

**EN BRUĜO**

**Kelkaj utilaj informoj.**

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*

*Por pagoj de kotizoj, loĝado, festeno kaj aliaj aranĝoj dum la jara Kongreso : P. Ĉ. K. 1119.10 en la kongresa urbo, nun La Louvière.*

*Por pagoj al U. E. A. : P. Ĉ. K. 4108.89 de la ĉefdelegito S-ro De Ketelaere (Speciala Numero), Antverpeno.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto : P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*

**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).

Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, B. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).

Ĝenerala Sekretario : S-ro Henri Petiau, 60, St Lievenslaan, Brd. St Liévin, Gento.

Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno), (Tel. 777.58).

Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno. (Tel. 962.46).



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.